


# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

Kun literatura aldono

## LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de
CENTRA ASOCIO
BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.)**

*Ni laboros por Esperanto.*
*Redakcio.*

CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA. SÍDLO: PRAHA I. 342. KAVÁRNA „UNION". KANCELÁŘ A UČEBNA: II. VODIČKOVA ULICE 38. REDAKCE REVUE: II. DITTRICHOVA ULICE 7.



**1910. BŘEZEN. — MARTO. IV. 3.**



**Roční předplatné: 3 K.**

**Cena tohoto sešitu s přílohou: 30 hal.**

# ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ
# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

vychází 10krát ročně (kromě [illegible] srpna a září).

eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně 3 K pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, budiž zasláno pouze na adresu: „Časopis Českých Esperantistů“, Praha II.-2023, Dittrichova ul. 7. Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost.

Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (Fr. 3·75 = 1,50 Sm por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata nur laŭ la adreso:

**„Časopis Českých Esperantistů“ en Praha II.** (**Bohemujo - Aŭstrio**). II.—2023. Dittrichova ul. 7.

La redakcio rezervas por si la rajton korekti la manuskripton por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj estos ĉiam prefere akceptitaj.

Účet poštovní spořitelny 93.281.

* * * *

ČEŠTÍ ESPERANTISTÉ PŘEDPLÁCEJTE SVŮJ ORGÁN

**Časopis Českých Esperantistů,** *který bude vycházeti počátkem měsíce o 20 stranách s literární přílohou.* ***Předplatné 3 K*** *(pro sdružené kluby K 2·50, při hromadné objednávce alespoň 5 ex.). Zprávy třeba zasílati do 20. Obsah revue rozšířen o jazykového rádce.*

*Redakce s povděkem přijme a případně uveřejní návrhy na zlepšení revue a žádá P. T. čtenáře, aby s ní sdělili, co se jim na našem časopise nejvíce líbí.*

Toto **3. číslo** zasíláme **pouze** předplatitelům.

Počátkem března nebylo dosud možno stanoviti potřebný náklad.
Proto žádáme o laskavé zaslání a obnovení předplatného během
tohoto týdne.

**Bohema Revuo Esperantista** aperados je komenco de monato po 20 pĝ. kun literatura aldono. Abonpago 3 K. La enhavo de la revuo estas riĉigita per lingva fako.

La redakcio danke akceptos kaj laŭokaze publikigos la proponojn pri la plibonigo de tiu ĉi revuo kaj petas la legantojn pri afabla komuniko, kio al ili plej multe plaĉas en nia gazeto.

---

## OBSAH — ENHAVO:

# FRANCISKO LELÍČEK EN SERVOJ DE SHERLOCK HOLMES.

*La satira verko de H. Vavris, eldonita en bohema lingvo, baldaŭ aperos tradukita esperanten. En ĝi oni trovas la „misterojn de kortegaj ceremonioj“ oni admiras la spritecon de detektivo. oni legas, ridante, la historion de Moraviano — praktikanto Lelíček: pro sia vizaĝsimileco al la hispana reĝo li estas elserĉita de Sherlock Holmes kaj ludas nun la rolon de Alfonso XIII. ĉe okazo de publikaj festoj, diplomatiaj vojaĝoj k. s., por ke nepre ne trafu iu neevitebla atenco la veran reĝon. Ni legu pri lia edukado:*

## ČAPITRO II.

Facile kaj rapide. — Hispana etiketo. — Respektindaj seĝoj. — Ĝojigas min. — Ekspozicio. — Hanakaj farunbuloj. — Frenofiziologo. — Brulanta nazo.

— Buenos dias, señor Francesco! Come está usted?

— Gracias, estoy bastante bien.

— Me allegro mucho.

Tiel bele jam sciis Francisko Lelíček paroli hispane, ĉar tiu señor Francesco estis neniu alia ol li. Kaj la alia persono en la dialogo estis lia instruisto de la hispana lingvo, señor de los Pajdalos de la Zalamaňka. Ambaŭ diligente foliumis en lernolibro de Vymazal „Hispane facile kaj rapide“ kaj por laŭdo de la instruisto estu dirita, ke li ellernis laŭ tiu ĉi libreto la boheman preskaŭ pli multe ol sinjoro Lelíček la hispanán.

Ĝi estis en Madrid. Tie ĉi en belega izola somerdomo post la urbo, ĉirkaŭita de ĝardeno ankoraŭ pli bela, edukadis sin Lelíček por sia nobla rolo. Neniu lin estus rekoninta. Sherlock Holmes almetis al li imponajn nigrajn lipharojn, ĉar en lia vera aspekto devis lin en Hispanujo neniu ekvidi pli frue, antaŭ ol li estis ekdeĵoronta en sia ofico.

Nia señor Francesco estis la tutan tagon okupita. Matene venis don Pedro Miguel, unu el „galanes de la corte“ (reĝa kortegano), al kiu konfidis Sherlock Holmes sian sekreton: tiu enkondukadis sinjoron Lelíček en la misterojn de riverencoj kaj moroj de la hispana kortega etiketo, kiu estas el ĉiuj etiketoj la plej etiketeca. Ĉe la unua leciono diris al li sinjoro Lelíček, ke li ion jam scias, ke li vizitadis hejme dancleciononojn kaj ke li legis ankaŭ la libreton „Galantometo, aŭ kiel konduti en bonmora societo“ Sed

don Pedro Miguel klarigis al li, ke en la societo, en kiu li estonte vivos, oni devas konduti tute alie, kelkafoje laŭ mala maniero, ol estas skribite en la Galantometo. Tie staras ekzemple, ke estas malpermesite meti la piedojn sur la tablon. Sed la vera kavaliro estas oftafoje devigata esprimi ekstremon de sia senĝeno ĝuste laŭ tiu ĉi maniero. Cetere, kio koncernas la ĉapitron pri la senĝeneco, estis don Pedro Miguel je sia lernanto tre kontenta. Francisko Lelíček sciis sidiĝi en la fotelon tiel sendece, kvazaŭ li estus naskita nobelo. Li asertis kvankam, ke ĉe ili en Brodek apud Přerov en Moravio oni sidiĝas tiamaniere sur la benkojn en la gastejo, sed don Pedro Miguel ne volis tion kredi kaj estis konvinkita, ke señor Francesco estas nobeldevena.

Iom da ĝenoj kaŭzis la lecionoj pri marŝado. Lelíček devis ellerni metadi la piedpintojn unu kontraŭ la alian (la maldekstran iom pli multe) kaj iom fleksadi la genuojn, por ke estu la kopio de irmaniero de Alfonso XIII. perfekta. Tio tiel okupadis lian atenton, ke li forgesadis aferon ne malpli gravan, scie elfaldadi la malsupran lipon laŭ ebleco plej multe. Don Pedro Miguel ne suficis lin admonadi:

„Señor Francesco! Lipo! La malsupra lipo!"

Kaj Lelíček elfaldis la lipon, ĝis ekkrakis al li post la oreloj.

„Tio estas malmulte, ankoraŭ!"

„Limebleco atingita," murmuris Lelíček en animo kaj aldonis hispane: „Lo siento yo." (Mi bedaŭras multe.)

Poste venis ankaŭ la instruisto de la hispana lingvo, señor de los Pajdalos de la Zalamañka kaj kelkafoje ankaŭ Sherlock Holmes. Kune oni studis la gravajn funkciojn de reganto de la hispana regno.

Venis ekzemple la deputacio de urbo Zaragosa, kiun reprezentis kvar seĝoj. Don Pedro Miguel ludis la senatoron kaj enkondukis ĝin. Li puŝis iom ĉiun seĝon, tio signifis la komplimenton — kaj en nomo de la unua seĝo li poste alparolis sinjoron Lelíček laŭ la kortega instrukcio por la deputacioj per la „meza reĝa titolo":

„Via plej luma Majesto, el Dia graco potencega reĝo de hispanaj provincoj, de ĉiuj kolonioj kaj landoj sur ambaŭ marbordoj cis- kaj trans-, kavaliro de sankta Graalo kaj de verda papago, la plej pia princo jeruzalema! Ni, la plej sindonaj regatoj de ĉiam fidela kaj lojala reĝa urba, de la ora Zaragosa, metas al piedoj de Via plej luma Majesto la plej humilan esprimon de profunda respekto kaj de la plej respekta adoro de la tuta loĝantaro, kiu ĉiutage leviĝas kun Via lumglora nomo sur la emocie tremantaj lipoj kaj laŭdegas Vian saĝon kaj la justan senpartiecon. Ho, volu . . ."

Sinjoro Lelíček devis atente aŭskulti. Li staris ĉi tie, la maldekstran manon apogante je spado (li havis uniformon generalan), la dekstran je tablo, kaj rigardis moŝtfavore al la unua seĝo en la okulojn. Kiam ĝi finparolis, li diris je signo de Don Pedro Miguel:

„Zaragosa estas tre bela urbo. Mi ĝojas, ke mi ĝin refoje ekvidos."

Don Pedro Miguel alpendigis poste al ĉiu seĝo ordenon kaj tiam ilin post nelonga dankesprimo piedfrapis — tio signifis, ke la deputacio kontente foriris.

Da tiaj deputacioj alternis ĉiutage kelke. Venis kamparanoj el Andaluzio. Al tiuj diris Lelíček:

„Andaluzio estas perlo de ĉiuj provincoj. Kiel sukcesas nunjare la virbovoj?"

„Via Majesto," respondis poste la seĝo, „danke la pasintjarajn ventojn ni sukcesis ricevi plejparte dunaskitojn."

Ĝojigas min", diris je tio Lelíček.

Krom akceptado de deputacioj devis Lelíček kompreneble ankaŭ ellerni la sintenadon ĉe aliaj okazoj. En la ĉambro estis ekzemple improvizita ekspozicio. Sur la tabloj, kanapoj kaj seĝoj estis dismetitaj la plej diversaj objektoj, kiuj jus estis ĉe la mano, ĉar la tasko estis nur elekzerci la diversajn eldirojn devkutimajn por la monarĥoj ĉe la okazo de ekspozicioj. Señor de los Pajdalos de la Zalamańka kaj don Pedro Miguel kondukadis sinjoron Lelíček de unu objekto al la alia, klarigante ilian signifon kaj ilian gravecon.

„Jen, Via Majesto, mi permesas al mi Vin atentigi pri belega fabrikajo de nia enlanda juvelista firmo Dellazoppa & Komp." Ĉe tio montris don Pedro Miguel broson sur la kanapo.

„Tre bela", diris Lelíček.

„Kaj jen, Via Majesto. kabineta peco de la hispana optiko, teleskopo destinita por la observejo de Mont Serrat."

Sinjoro Lelíček jetis rigardon en la pinton de pluvombrelo, kiun señor de los Pajdalos de la Zalamańka tenis en direkto al la fenestro.

„Aĥ, fabela, tre fabela.

„Kaj jen bildo de nia grandmoŝto, caballero Zuloaga . . ."

Lelíček ekrigardis kun ĉarmdolĉa ekrideto la termometron.

„Kaj jen, mi permesas al mi prezenti al Via Majesto la majstron mem."

Lelíček fraptuŝis la ŝultron de la apudstaranta pendhokaro kaj diris:

„Tre bela. Kaj ĉio estas manpentrita, ĉu ne?"

Poste oni prezentadis al Lelíček vicon da altranguloj, altaj

oficistoj kaj aliaj eminentuloj, reprezentataj refoje per seĝoj. Tiuj entute ludis ĉe la instruado gravan rolon. Ili estis altaj, abunde inkrustitaj kaj staris ĉi tie en kortuŝa humileco kvazaŭ efektivaj sekretaj konsilantoj. Por ke sinjoro Lelíček memorfiksu signifon de diversaj uniformoj, kolĉenoj kaj ordenoj, estis la seĝoj pendornamitaj per ĉi tiuj signoj de digneco.

„Prezidanto de la konsilantaro por prosperado de la minaferoj, caballero Lopéz.“

„La minaferoj estas tre gravaj. Vi havas certe multe da laboro?“

„Tre multe, Via Majesto.“

„Ĝojigas min.“

„Rector magnificus de la glora universitato en Santiago, doktoro Diego Scattulozza.“

„Kiom da lernantoj vi havas?“

„Okcent dektri, Via Majesto“, respondis don Pedro Miguel anstataŭ la ligna rektoro kaj aldonis: „Ni preskaŭ ne havas plu lokon en la aŭditorioj.

„Ĝojigas min“.

„Generalo Cotarello.“

Don Pedro Miguel gestmontris post la seĝapogilo cigaron kaj fumadon.

„Ho jes, vi bataladis sur Kubo. Estis tiam tre varme, ĉu ne?“

„Via Majesto, niaj soldatoj batalis kiel leonoj.“

„Jes, la armeo estas fundamento de la regno.“

Tiel ĝi daŭriĝis. Ĉi tiuj ekzercoj ripetiĝadis ĉiutage kun malgrandaj nuancoj, ĝis sinjoro Lelíček bele scipovis ĉion parkere. Cetere ĝi ne estis tiel malfacila, ĉar al la monarĥoj sufiĉas por la publika sinvidigado sume okdek vortoj ĉirkaŭe.

*Ant. Macek:*

## AZENO KAJ LEONA FELO.

Azeno trovinte leonan felon, sin vestis per ĝi kaj volis esti konsiderata leono. Sed ĝustatempe venis al li ideo, ke leona felo sola ne sufiĉas, ke estas ankaŭ necese kriegi. Kaj ĉar li mem tion ne sciis, li luis por malmulte da mono malriĉan kaj malsatan leonon, kiu anstataŭ li komplezeme zorgis pri la kriegado. Kaj ĉiuj homoj admiris spritecon de azeno, titolis lin leono, kvankam ili bone sciis, ke nenio leona estas ĉe li krom la felo.

*C. N.*

*Alois Jirásek :*

# ORANĜO.

El revoluciaj skizoj. („El romantiko de ĉiutaga vivo“ de J. Arbes.)

Mi rakontas historian okazintajon, kiu estos neniam en la historio nek registrita, tiom malpli detale priskribita.

La historio. kiel ĝi estis al ni ĝis nun rakontata. estas regule historio de regantoj. uzurpatoroj kaj nur tre malofte historio de popolo. Por individuoj, kiuj ne estis turniĝtaj al si atenton de la mondo, ne estas loko en la historio.

Sed tio, kion estis farinta estajo, pri kiu mi volas rakonti, estas tamen io, kio meritas e. ti, kiel kurfrazo diras „enskribita per ora skribo en la historion de la homaro . . .“

*   *   *

Bela maja mateno . . .

Por granda urbo kompreneble nur iel nura pseŭdobrilo de beloj de la naturo, precipe por kvartaloj de malriĉularo, en kies mallarĝajn, mallumajn stratetojn envagas la sunradioj nur malofte por momento aŭ pli ofte nur en formo de sola rebrilo.

Simila senbrila reflekto penetras jus tra polvumita fenestreto en malaltan, malgrandan ĉambreton en partero de malnova domo kaj batalas kun flaveta lumo de olelampeto, kiu finbrulas sur forno.

En poezia dulumo aperigas ĉio strangan aspekton: ĉio brilas kaj briletas senreflekte kiel roskovrita metalo aŭ malseketa silko. Eĉ la malnova polvumita ĉifono kuŝanta apud mizera lito similas griziĝintan, de ora polvo semkovritan veluron.

Kaj tamen el ĉiuj anguloj rigardas manko de vivrimedoj kaj mizero. Ĉiu peco de malnova. de anobioj traborita meblo memoras kelke da generacioj. Ĉiu peco da vesto estas flikita aŭ disŝirita. El ĉiu bagatelo estas videble, ke ĝi estas posedajo de homoj, kiuj ofte suferas eĉ malsaton.

Ankaŭ ĝi ne estas alie ebla: la ĉambreto estas loĝata de vidvino post taglaboristo — honesta virino. al kiu la edzo estis testamentinta nur du georfojn, kun kiuj ŝi jam tri jarojn batalas pri konservo de nura vivo . . .

La infanoj estas al ŝi ĉio, kvankam ŝi havas eĉ ne la tempon por sentigadi al ili sian patrinan amon per ia speciala maniero. Ŝi amas ilin laŭ maniero de simplaj virinoj el popolo: sen afablaj vortoj, sen dorlotado kaj karesado — iufoje preskaŭ maldelikate, sed tamen super ĉion . . .

La lastaj vortoj de la mortanta edzo: „Ili prefere pereu, ol ke ili ekmensogu! ĉiufoje revenas al ŝi, kiam ajn ŝi ekrigardas

iun el siaj infanoj. La mensogo estadis al ŝia edzo abomenega kaj al ŝi ĝi estas krimo nepardonebla . . .

Kaj nur per tio oni povas klarigi, ke ŝiaj infanoj ĝis nun ankoraŭ neniam ekmensogis.

Ili estas certe neniuj modeloj de virto; ili estas petolemaj, incitetemaj kaj multfoje eĉ viglegaj kaj supermezure petolaj.

Ofte eĉ oni plendas pri ili; sed malveron ili ĝis nun eldiris eĉ ne unufoje.

Sed kio utilas al la patrino esti tute kontenta pri siaj infanoj, se la zorgo kaj angoro mallarĝigas al ŝi la koron . . . Ŝi sidas apud la lito, kie ŝi estis maldorminta la tutan nokton kaj rigardas fikse la flikitan kovrilon, sub kiu io jus ektremis. En senpere sekvanta momento aperis el sub la kovrilo infana piedeto, poste sekreta maneto kaj tuj post tio nigrohara kapeto de knabineto proksimume dekjara.

*La patrino kun mieno* de angora zorgemo en la vizaĝo kun postploraj okuloj kliniĝis super la liton kaj observas dum kelka tempo la vizaĝeton de la infano.

La vangetoj preskaŭ brulas; la lipetoj ŝajnas esti ardantaj. La brusteto pene leviĝas, la spirado malfacila, de tempo al tempo stertora.

Pretervole etendis la patrino antaŭen la manon kaj metis ĝin delikate sur la frunteton de la infano.

La frunteto estas ardanta — ŝajnas, ke akuta febro, kiu dum al tuta nokto interrompadis la dormon de la infano, ĝis nun ne senfortiĝis . . .

En tiu momento malfermis la infano la okulojn. Rekoninte la patrinon ĝi el profunde forspiris kaj samtempe ĝi preskaŭ nerimarkeble ekridetis.

La vigla okulo de la patrino ne preteratentis tiun ekrideton.

„Ĉu ci dormis, animeto? Ĉu ci ekdormetis — ekdormis almenaŭ nun por momento?“ ŝi demandas per tono delikate zorgema.

„Ah, iom — momenteton!“ ekĝemis la infano, kolektante siajn sentojn.

„Kaj ci sonĝis pri io — ĉu ne vere? Aŭ ne — ci sonĝis pri nenio?“ eldemandas la patrino zorgoplene.

Nur nun rememorigas al si la infano, kion al ĝi la fantazio prezentis en la sonĝo.

„Oh, mi sonĝis — mi sonĝis, panjo!“ ĝi ekpepis ekleviĝante en la lito.

„Nur kuŝu, animeto, ne leviĝadu!“ admonas la patrino, ordigante la flikitan kuseneton sub la kapo.“ Kaj pri kio ci sonĝis? Pri io bela — ĉu ne?“

„Pri bela — bela, panjo . . . Mi sonĝis, ke mi estas ie en la bela ĝardeno . . .“

„Kaj ke en la ĝardeno estas plene de floroj, rozoj, violoj —“ enfalis la patrino.

„Ah ne, ne!“ oponas la infano. „Nenia florajo, tute nenia . . . Nenion mi vidis, nur arbojn — altajn kaj plenajn de strangaj folioj — kaj plenajn, plenegajn de oranĝoj . . .“

„Kaj ci etendis la maneton kaj forŝiris al ci unu — du?“ refoje enfalis la patrino.

„Ah ne, panjo! ekĝemis la infano.“ Mi ne povis — la arboj estis altaj — mi ne atingis . . . Ah — kaj mi havis apetiton — oh!“

Kaj la infano ekŝmacis kaj kunpoutis la ardantajn lipetojn kvazaŭ ĝi jam sentus la bonguston de la fruktoj, pri kiuj ĝi sonĝis.

La patrino ne preteratentis tion; sed ŝi silentas — aŭ, ĉar ŝi ne havas, por kio aĉeti, aŭ —

Post kelka tempo aŭdiĝis la infano denove: „Ah — panjo! Aŭdu, mi tamen nur — aŭdu, nur unu oranĝon se mi havus . . . Nur unu, solan — oh! mi jam sentas la dolĉon sur la lango.“

„Domaĝe, domaĝe, animeto,“ opinias la patrino, kvazaŭ ŝi ŝanceliĝus, kion respondi.

„Aŭ ci ne havas monon?“ demandis la infano.

„Je oranĝo mi havas ankoraŭ,“ rediris la patrino kaj volis ion aldoni, sed ŝi estis interrompita.

„Kaj mi aĉetos la oranĝon!“ aŭdiĝis malantaŭ ŝi laŭta aldo.

La patrino stariĝis kaj rerigardis. Ŝi ekvidis sian duan infanon, kiu nerimarkate alŝteliĝis kaj silente aŭskultis.

Ĝi estis ĉirkaŭe dekkvarjara, fortika, larĝoŝultra knabo kun mieno de senartifikeco kaj energio en la larĝa vizaĝo de ne tro ĉarmaj trajtoj. Nigraj, iom buklaj haroj, nigraj, fajroelĵetaj okuloj, malakra nazo, pufaj lipoj kaj energia mentono — ĉio donas al la vizaĝo mienon de antaŭtempa viriĝo. Sed la voĉo kaj la gestoj estas infanaj.

La knabo estas malriĉege vestita; li havas sur si nur ĉemizon el malglata tolo kaj flikitan pantalonon de nedifinebla koloro. Unu pantalontubo estas preskaŭ ĝis la genuo suprenfaldita, la nudaj piedoj estas kovritaj de polvo.

La rigardo de la patrino kun plezuro ripozis sur la knabo kiu, starante rekte kiel kandelo, fiksadis siajn okulojn kun muta peto sur la patrinon.

„Donu al mi la monon, mi iros por ĝi!“ insistis la knabo, kiam la patrino ne estis respondanta.

La patrino ĝis nun ŝanceliĝas, kaj povis esti, ke ŝi eĉ rekte estus rifuzinta. Sed rerigardinte la malsanetan knabineton, kiu ĝis nun ŝmacetante poutis siajn lipojn, ŝi ne povis rifuzi. (*Daŭrigo.*)

# Z CELÉHO SVĚTA.

**I. Kongres Katolíků Esperantistů** bude se konati od 30. března do 3. dubna t. r. v Paříži. Účelem jeho jest jednak přesvědčiti katolický svět o významu a užitku Esperanta, **které bude jedinou řečí jednací**, jednak organisovati definitivně mezinárodní katolický svaz. Místnost v universitě dal sjezdu k disposici pařížský arcibiskup mons. Amette a rektor katolického ústavu mons. Baudrillard. Podrobný program, plakáty, pohl. l. a jiné publikace zašle red. „Espero Katolika“ (Paris, 10, rue Béranger). — **Universala Esperanto Asocio** čítá podle právě vydané ročenky na 6000 členů; ve více než 750 místech a 43 zemích zastupují delegáti a konsulové tento světový svaz. Oficielní orgán „Esperanto“ vychází nákladem 7000 ex. (čtrnáctidenník). — **V Praze** zastupuje U. E. A. pan Karel Procházka, předs. Bohema Propaganda Societo Esperantista, jemuž lze zasílati přihlášky. Adr.: Praha II. Vodičkova ul. 38. Esperanto-oficejo. Tamtéž prodej jednotlivých čísel časopisu.

# Dr. L. L. ZAMENHOF.

(K jeho jubileu dne 15. prosince 1909 přednesl na slavnostním večeru Klubu Esperantistů v Plzni dne 7. pros. a Ústředního svazu B. U. E. v Praze dne 15. prosince 1909 K. Procházka.)

*(Pokračování.)*

Tu končí Zamenhof své memoiry. Kdybychom chtěli dále vypravovati životopis našeho Mistra, museli bychom rozvinouti celou historii našeho jazyka od krutých jeho počátků až po dnešní utěšený stav, blízký úplnému vítězství. Chceme poukázati jen na několik význačných událostí. A tu především myslí naší táhne vzpomínka na první kongres světový v Boulogne sur Mer, kdy poprvé mělo se osvědčiti dílo Zamenhofovo v praxi. Esperanto šťastně obstálo v této zkoušce ústního dorozumívání, což autor s nadšením konstatuje v překrásné své řeči, zakončené velebnou modlitbou pod zelenou korouhví. Boulogne značí pro nás veledůležitý mezník, neboť tam Zamenhof předkládá sněmu Esperantistů své Fundamento, základ, bez něhož žádná budova nemůže státi pevně a který přece dovoluje tolik svobody k dalšímu vývoji, Fundamento, jehož klasickou předmluvu by měl každý Esperantista uměti nazpamět. A shromáždění Esperantisté ochotně přijímají toto sladké jho a slavnostně prohlašují nedotknutelnost Fundamenta. Charakteristické pro posouzení povahy našeho Mistra jest, že vzdává se tu jednou pro vždy všech osobních privilegií a práv na svůj jazyk. Již tenkráte dostalo se Zamenhofovi veřejných poct. V Paříži přijal jej ministr vyučování a Francie ho vyznamenala řádem čestné legie.

Nadešel kongres ženevský. Zdá se nám, že v deklaraci o neutrálnosti Esperanta spočívá implicite objektivní znamení toho, že Esperanto opustilo stadium pokusu o jazyk a vstoupilo ve stadium praxe, totiž, že od té doby není už projektem, nýbrž skutečně opravdivým, živým jazykem, jehož mohou užívati všichni a ke každému účelu zcela tak, jako kteréhokoliv jiného jazyka. Totéž dokázalo v Cambridge založení Vědeckého Svazu, v Cambridge, kde Dr. Zamenhof a jeho laskavá choť byli přijati s tým nadšením a s poctami, které bývají vzdávány z pravidla jen knížatům.

Neméně slavnostní bylo uvítání rodiny Zamenhofovy o IV. kongresu v Drážďanech, při té nezapomenutelné manifestaci, které jsme byli očitými svědky. Tenkráte mnohým z nás bylo přáno poznati osobně našeho Mistra, tohoto skromného, na pohled nepatrného muže s vousem silně prošedivělým, dobrotivým pohledem a sympatickým hlasem. S nepopsatelnými dojmy a s neutuchajícím nadšením naslouchali jsme jeho officielní řeči, v níž vážně a prozíravě jako prorok poukazuje, že jen v jednotě, svornosti a zachováním nedotknutelnosti Fundamenta jest znamení, v němž zvítězíme. — V živé pak ještě paměti jest kongres barcelonský, konaný za účasti zástupců vlád, jenž znovu dokázal, že Esperanto žije netoliko na jazyku, ale i v srdci velikého, výborně zorganisovaného národa Esperantistů. U příležitosti tohoto sjezdu náš Mistr byl vyznamenán od španělského krále řádem Isabely Katolické.

Že Dr. Zamenhof v esperantském světě — ač proti vůli své — zaujímá místo první, že v každém ohledu jest považován za nejvyšší autoritu, že pro svou šlechetnou povahu jest všeobecně vážen a milován, netřeba ani připomínati. Jest proto čestným předsedou všech světových kongresů esperantských, jakož i všech významných esperantských korporací, jako Lingva Komitato, Akademio, Internacia Scienca Asocio, Universala Esperanto Asocio, Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio a mnohých svazů národních.

Dlužno také vzpomenouti významu doktora Zamenhofa s hlediska literárního. Je samozřejmo, že Zamenhof nejlépe Esperanto ovládá, a poněvadž jest i obratným spisovatelem a rozeným básníkem, že jeho spisy jsou a budou vždy vzorem všem Esperantistům. Jeho překlady prosaické, na př. Revizoro, Rabistoj, Psalmaro, Predikanto, Georgo Dandin, Marta a j., básnické pak jako Hamlet a zvláště Ifigenie na Tauridě budou vždy považovány za díla klasická. Takovými jsou i jeho úchvatné básně původní a řeči pronesené o kongresech. O Ifigenii můžeme říci, že tímto dílem Zamenhof překonal sebe sama a podal nejlepší důkaz, že Esperanto hodí se nejen pro život praktický, ale také, což bývá mu zhusta upíráno, pro poesii a umění dramatické.

Zbývá ještě zmíniti se krátce o sympatické rodině Dra Zamenhofa. Otec jeho nazýval se Marek Zamenhof. Narodil se 27. ledna 1837 a zemřel dne 29. listopadu 1907. Celý svůj život věnoval filologii a vyučování. Oženil se r. 1858 v Bělostoku, kde byl té doby profesorem. Rok na to jeho mladá choť povila mu synka, kterému do vínku daly sudičky světovou slávu, a jehož genius a skromnost zjednaly mu tolik slávy a lásky na celé zemi. Není to nikdo jiný, nežli náš jubilant. Svému otci, který byl velmi vážen ve své zemi a obdržel tituly a řády a stal se i státním radou, jest Mistr náš mnohými díky zavázán. Neboť když r. 1878 mladý Ludvík vypracoval svůj jazyk theoreticky, otec moudře mu radil, aby s ním nevystupoval hned na veřejnost, nýbrž aby jej nejdříve vyzkoušel prakticky. Této výborné rady byl poslušen mladistvý autor, a snad tak Marek Zamenhof zachránil Esperanto před těžkou revolucí, kterou by bylo jistě prodělalo, kdyby bylo uveřejněno příliš záhy. Jemu tudíž musíme býti vděčni, neboť on ukázal svému synu cestu, která vedla jeho dílo ku konečnému triumfu.

*(Pokračování.)*

# BIBLIOGRAFIO.

**L. L. Zamenhof: FUNDAMENTO DE ESPERANTO.** Tradukita laŭ la permeso de la aŭtoro de Eduard Kühnl. red. de „Časopis Českých Esperantistů". Eldono bohema. Verkaro de Dr. Zamenhof. **Praha: Librejo de F. Topič.** Paris: Librejo de Hachette. XI. 91 pĝ. (11 × 17). **Prezo 1 K.**

La plej grava libro en esperanta literaturo, la netuŝebla Fundamento, estas jam tradukita bohemen! Tiu fakto, ke la bohema traduko estas la dekunua en vico de lingvoj, kiuj posedas tiun ĉi verkon estas bela pruvo pri la intereso, kun kiu estas Esperanto ĉe ni studata. La libro enhavas krom esperanta antaŭparolo fundamentan gramatikon, ekzercaron, kaj universalan vortaron, enhavantan 2642 radikojn. Ne estas bezone atentigi, ke ĝi estas neevitebla helpilo por niaj samideanoj, kiuj volas fari ekzamenon antaŭ la ekzamena komitato de Centra Asocio B. U. E. Kvankam ekzistas jam por Bohemoj lernolibro metoda, originale verkita de tradukinto de tiu ĉi Fundamento, akceptita kiel la plej taŭga por lernejoj kaj memlernantoj, kaj kvankam ankoraŭ alia aŭtoro eldonis sub simila, kopiita titolo boheman tradukajon de franca broŝuro, tamen oni devas konfesi ke por nia propagando mankis bohema Fundamento - legota kaj havinda de ĉiu fidela amiko de nia lingvo senescepte. Oni rajte povas postuli, ke oni trovu la verkon en biblioteko de ĉiu nia samideano!

Export Esperantist, monata gazeto de „Export and Import Trade of the United States". Chicago, Ill., 404. Security Bldg. (8 pĝ. 24 × 30). Jare: K 2·50.

Nova Sento, monata esperanta gazeto de Bilbao, organo de la vaska esperantistaro. Red.: Bilbao, str. Jardines, Hispanujo. (16 pĝ. 17 × 25). Jare: K 2·15.

Norvega Esperanta Gazeto-Norsk Esperantoblad, monata organo de norvegaj esperantistaj unuiĝoj. Eld. de akcia societo en Kristiania: Söndregate 4 (8 pĝ. 13 × 20). Jare: K 2·65.

Hungara Esperantisto, oficiala monata organo de Hungara Esperantista Societo. Red.: Budapest, VII. Alpár-u 8 (24 pĝ. 16 × 24; kun lit. aldono). Jare: 4 K.

Brazila Esperantisto, oficiala monata organo de Brazila Ligo Esperantista. Red. Rio de Janeiro, Rua s. José, 77 (8 pĝ. 21 × 28). Jare: K 5·80.

Samideano Ĉiumonata, monata internacia ilustrata esperantista revuo. Red.: Verda Stelo & Komp. 33. Abekawa-machi Asakusa, Tokio, Japanujo (16 pĝ. 19 × 23). Jare: K 6·60. La revuo estas nun presata kaj ĉiu numero enhavas belan originalan japanan bildon (koloritan).

Mitteilungen des Sächsischen Landes-Verbandes Esperanto. Red. Dr. Schramm, Dresden-Ständehaus. Senpaga organo de saksaj kluboj eliranta je nefiksita tempo. — *Barcelono.* Gvidlibreto dediĉita al la kvina kongreso de Esperanto (24 pĝ. 10 × 20). Senpage ĉe „Societat d' Atracció de Forasters" kaj ĉe Societo Espero Kataluna, Paradis 12. Barcelona. (Kontraŭ il. poŝtkarto). La broŝureto estis utila helpilo por ĉiu kongresano, kiu ne scias la hispanan lingvon kaj tamen volis laŭ eble profiti sian restadon en Barcelona. — M. Cases: *Unu fojon* (30 pĝ. 10 × 15). Barcelona. Str. Asalto, 45. — Serio da amuzaj spritaĵoj, ŝercoj kaj anekdotoj. — Poulson Kernahan: *La Infano, La Saĝulo kaj la Diablo*; trad. de J. C. O'Connor (46 pĝ. 9 × 13). Prezo 6 d. (60 hel.). N-o 2. el kolekto „Verd-Stelo". — Polyglott Kuntze: *Esperanto* (40 pĝ. 12 × 22). Prezo 50 pf. (60 hel.). — *IV. Internationaler Esperanto-Kongress in Dresden.* Bericht herausgegeben vom Sächsischen Esperanto-Institut (80 pĝ. 16 × 24). Prezo 1 M. Tiu ĉi germane verkita raporto pri nia lasta kongreso, ornamita per multe da ilustraĵoj kaj presita ne malpli elegante ol La Bela Mondo reprezentas tre bone la organizintojn de tiu ĉi neforgesebla manifestacio. — Espero, internacia revuo de la kultura unuiĝo de popoloj, oficiala organo de la kleriga ligo „Vjestnik Znania" en Peterburgo eldonis la lastan numeron. La plena kolekto da 12 kajeroj enhavas riĉegan materialon skribitan ruse kaj esperante kaj je fino esper.-rusan vortaron (478 + 96 pĝ. 15 × 25). Prezo 10 K.

# JAZYKOVÝ RÁDCE — LINGVA FAKO.

Respondo 4. *Výslovnost v Esperantu:* každé písmeno značí jeden zvuk a naopak. Tudíž „sinjoro" vyslov s-i-n-j-o-r-o nikoliv siňoro. — Dvě samohlásky vedle sebe vyslov tak, jako ve slovech českých: mia, ie, kian, tiu a pod. vyslov jako Maria, Marie, marianský, piano (nikoliv Marije!, rovněž ne na dvakrát Mari e. mi a, i e. ki a). Přízvuk v těchto víceslabičných slovech vždy na *i:* k**i**am, stejně: internac**i**a, mag**i**o, opin**i**o atd.

Respondo 5. *Nek - nek: ani - ani.* Je-li ve větě myšlenka záporná, možno přeložiti i druhou zápornou (české „ani") slovem nek. Na př. Ani já, ani můj bratr. ***Nek mi, nek mia frato.*** Nevidí, ani neslyší. *Li ne vidas nek aŭdas.* (Důrazné, jednoduché *ani* překládáme *eĉ ne:* Již ani slova! ***Eĉ ne unu vorton plu!***)

**Marta:**

„La Revuo" N-o 30: *M. eniris en unu el la loĝejoj.* M vešla do jednoho z bytů. (Směr vyjadřuje pouze sloveso ***eniris***, číslovka základní — ***unu*** — se nemění). — ***Nigraj, flamaj okuloj, kiuj apartenis vide al vizaĝo vira.*** Černé plamenné oči, které zřejmě patřily mužskému obličeji. — ***Turnita profile al la pordo*** Obrácen stranou ke dveřím. — ***J metis antaŭ ŝi (seĝo) kelke da libroj. La libroj, kiuj estis metitaj, antaŭ ŝin (M.).*** J. položila před ní několik knih (kde?) Knihy, které byly před ni položeny (kam?) — ***Tiu ĉi rigardo laŭkuris de la piedoj ĝis la kapo la figuron de instruistino.*** Tento pohled přeběhl od nohou až k hlavě postavu učitelky. — ***Enpensa vizaĝo.*** Zamyšlená tvář. — ***Porti funebron pro (la morto de) la patro.*** Nositi smutek po otci. — ***Ĉirkaŭ la buŝo ludis svarmo da ridetoj, jen plaĉivolaj, jen petolaj.*** Kolem úst pohrával roj úsměvů, tu líbivých, tu dováďivých. — ***Mi estigas ŝin reĝino de ĉiuj miaj diinoj.*** Činím ji královnou všech svých bohyň. — ***Diinoj, da kiuj vi havas multe.*** Bohyně, jichž máte mnoho. — ***Mi parolus al vi predikojn de matene ĝis vespere.*** Četl bych vám kázání od rána do večera. — ***Interfingrigi la manojn.*** Sepnouti ruce. — ***Estas domaĝe pri via bona kora.*** Jest škoda vašeho dobrého srdce. — ***Kion mi estas kulpa.*** Čím jsem vinen. — ***Samgepatra fratino.*** Vlastní sestra. — ***Gustigi la frizon.*** Upraviti účes. — ***Salutu lin de mi.*** Pozdravuj ho ode mne. — ***Pli-malpli unu horon poste.*** Asi za hodinu na to. — ***Ligpakaĵo.*** Uzel (zavazadlo). — ***Kurso gradekompletiga.*** Kurs postupně doplňovací. — ***La penegado kompensos la jarojn da senlaboreco.*** Snaha vyváží roky nečinnosti. — ***Nepovebligi.*** Znemožniti. — ***Ŝi trompiĝis rilate sin mem.*** Zklamala se v sobě samé. — ***Ŝiprompiĝulo.*** Trosečník. — N-o 31.: ***Elbakita pudingo.*** Vypečený puding. — ***Kio estas, kio vin tiel afliktis?*** Co pak vás to tak sklíčilo? — ***Konfesprena seĝo.*** Zpovědnice. — ***Kiam li volis kuratingi la junan belulinon, kiun li vidis tra la fenestro.*** Když chtěl dohoniti mladou krasavici, kterou viděl oknem. — ***Veki fortan kunsenton.*** Vzbuditi mocný soucit. (Srov.: ***konsento*** - souhlas). — ***Konsidere la zorgojn.*** S ohledem na starosti.

# ESPERANTA MOVADO INTER BOHEMOJ.

Esperantista Klubo en **Brno**, la unua societo, kiu komencis propagandi Esperanton en Aŭstrio kaj staris ĝis nun flanke de nia centro, konigas al ni sian aliĝon al nia Centra Asocio B. U. E. —

Rapide progresanta kurso en **Radvanice** (Silezio) promesas baldaŭan starigon de klubo de B. U. E. — En **Ústí n/L.** estis elektita prepara komitato por fondi klubon, kiu aliĝas al B. U. E. — Esperantista Klubo en **Humpolec** fondiĝis la 16. II. kaj fariĝante el ĝisnuna rondeto definitiva klubo, aliĝas al B. U. E. — La preparaj laboroj aranĝitaj de s-o Dr. Jos. Sedláček por fondi klubon en **Golčův Jeníkov** jam tiom progresis, ke la fonda ĝenerala kunveno okazos la 20. III. t. j. Nia B. U. E. bonvenas la novan membron kaj delegas s-on K. Procházka, kiu parolos pri la signifo de Esperanto — Same aliĝas al B. U. E. Esperantistaj Kluboj en **Nový Bydžov** kaj en **Louny**; la lasta preparas ĝen. kunvenon kun parolado de s-o Šídlo el Praha VIII.; ĝia kurso estis vizitata de 60 personoj.

Pri la ĝenerala kunveno (26. II.) de **Esperantista Klubo en Plzeň** alportis longan raporton gazeto „Plzeňské Listy". La pasintan jaron okazis krom unu eksterordinar ĝen. kunveno 18 komitataj kaj 40 membraj kunvenoj kun konversacia amuzado. La lastan amuzvesperon vizitis 65 personoj. La klubo, kiu estas ankaŭ membro de „Centra-Oficejo Esp.", de „Ústřední Matice Školská" kaj de „Osvětový Svaz", partoprenis per 24 membroj la I. kongreson en Praha. Membro de klubo, muzika komponisto St. Suda estas bone konata per sia verko „Al la fratoj" dediĉita al nia kongreso. La komponaĵo triumfe almilitis jam ĉiujn mondpartojn: en Leipzig dum la germana kongreso ĝi estis brue aklamita kaj en Barcelona prezentis ĝin kun rimarkinda sukceso 60-membra virina ĥoro Koncepcio Saltiveri. Duonconto da kursanoj vizitadis diligente la instruajn lecionojn de nia sindona instruistino f-ino Emilie Lehnertova. Esp. gazetoj estas elmontrataj en la urba legejo; ekspozicio de esper. literaturo en fenestro de librovendista magazeno vekis intereson inter la publiko. La klubo eldonis il. kartojn kun esp. teksto kaj fondis belegan albumon, kiu enhavas pli multe ol 300 vidaĵojn el urbo kaj bildojn de kostumoj. La albumo, kies bildoj, donacitaj de lokaj korporacioj, estas akompanataj per teksto de sekretario de klubo, servos kiel taŭga informilo ĉe la esp. kongresoj okazontaj fremdlande. Konsciante la gravecon de Esperanto, la urbestraro de Plzeň subtenas la laborojn de klubo per **donaco de 100 kronoj.** Por la sama celo dediĉas Občanská záložna 20 K kaj Osvětový Svaz 10 K. La lokaj ĵurnaloj akceptis ĉiam favore la sciigojn pri nia movado kaj helpis tiel rimarkinde al vastigado de scio pri Esperanto. La klubo havis 64 membrojn; la protokolo enhavas 810 n-ojn. Kiel prezidanto estis reelektita s-o Jaroš Schwarz; membroj de komitato estas s-oj Ing. Eug. Vrbata, vicprez., O. Vlasák, sekr., Jos. Růžek, K. Švarc, F. Zikán, f-inoj A. Jindrová, Emilie Lehnertová. — La gazeto „Podvysocké Listy" anoncas regule raportojn pri progreso de Esperanto en **Kutná Hora**. La datrevenon de nia majstro oni solenis per bela programvespero, kies ĉefa punkto estis parolado de prez. s-o Al. Horáček pri la vivo de Zamenhof. La esperantan prologon de f-ino B. Pachrová, kiel ankaŭ la ceterajn muzikpecojn, oni aklamis plej brue. El esp. prezentaĵoj ni citu kanton de f-ino El. Koníčková kaj recitaĵon de f-ino L. Černá (Adiaŭaj vortoj de Ifigenio) kaj de s-o Fr. Skřivánek (La deveno de virino). La 17. de januaro okazis ĝenerala kunveno, ĉe kiu prezentis sekr. f-ino B. Pachrová interesan raporton. Dum la pasinta jaro oni aranĝis tri propagandajn paroladojn, du ekspoziciojn kaj sep kursojn, kiujn vizitis pli multe ol 400 personoj. La membraj kunvenoj okazis ĉiun lundon. Membroj de la komitato estis elektitaj unuanime

ges-oj: Al. Horáček, prezidanto, M. Bassová, J. Horká, L. Kon-
ěková, M. Krulišová, M. Mrázková sekr., Fr. Skřivánek, Ad. Si-
laba. La kursoj finiĝis per intimaj festoj (14., 18. II.) je honoro de
la prezidanto. La 11. II. estis malfermita konversacia supera kurso
(vendredo, lundo). Elementa kurso malfermiĝis la 19. II Cent
lernantoj estas jam enskribitaj; instruas s-o A. Horáček kaj f-ino
M. Mrázková. — Sinjoro Horáček parolis la 16. III. en **Čáslav**;
ni estas konvinkitaj, ke lia sincera laboro gajnos por nia movado
novan urbon. — La unua kurso gvidita de s-o St. Balik en **Nový
Bydžov** alportis tre kontentigan rezultaton. Per iniciato de kelkaj
amikoj estis fondita la 27. II. promesodona centro esperantista, al
kiu estas garantiita viva intereso inter la publiko per parolado
„Esperanto en praktika vivo“, de s-o K. Procházka el Praha.
okazinta la saman tagon; ĉeestis pli multe ol 200 personoj. La
ĝenerala kunveno elektis kiel prez. s-on St. Balík, vicprez. M.
Kosina. sekr. V. Arnstein. bibl. f-ino Macháčková, kas. B. Pitřinec.
prot. f-ino A. Žabková. Unuanime estis elektita s-o Ed. Kühnl
kiel honora membro. Grandaj afiŝoj anoncis esperantan ekspo-
zicion (6. III.) senpage viziteblan kaj malfermon de nova kurso
en la knabina supera lernejo. — La 21. I. okazis ĝenerala kun-
veno de Esper. Klubo en **Písek,** kiu elektis la sekvantan komitaton:
s-o Aug. Hrubec poŝtasistento, prez., f-ino F Křivancová vicprez.,
prof. V. Novotný sekr.. f-ino Hálková kasisto. f-ino Šindelářová
bibl., s-o Jun. prot. kaj s-o Sulan. — Esper. Klubo en **Praskačka**
havis la 19. II. ĝeneralan kunvenon. En la gazeto „Hlasy Ven-
kova“, kiu alportadis interesovekan kurson de s-o J. Jeřábek.
aperas tiun-ĉi jaron la dua kurso. Ĉiun dimanĉon instruas la no-
mita sinjoro pri Esperanto la junularon. — Esp. „Laborista Klubo
en **Praha VII.**“ malfermis novan kurson en sia nova sidejo: (Praha
VII. Belerediho tř. restaurace p. Kovrzka). — En **Mladá Boleslav**
instruas en nova karso de la 23 II. s-o Moucha (mardo, merkredo).
Ĉiun dimanĉon li instruas grupon da metilernantoj. — En **Bakov**
partoprenis la propagandan paroladon de s-o Moucha el Mladá
Boleslav 60 personoj. La sama tien veturadas ĉiudimanĉe por
gvidi tie kurson. Esperantista Klubo en **Brno** elektis kiel pre-
zidanton s-on Ant. Waisser, kiel membrojn de komitato ges-ojn:
Fr. Vrtěl. Milča Genžova vicprez.; s-on Dom. Konečný, sekr,
Vlad. Vaněk. kasisto, Jos. Smékal, bibl. En la societa sidejo
„U Stopků“ Rudolfská ul. okazas konversaciaj kunvenoj ĉiun
merkredon vespere. — Dua ĝen. kunveno de Esp. Klubo en **Smíchov**
elektis la 27. I. s-on G. Kratochvíl prez.; membroj de komitato
estas s-oj: MUDr. M. Tille vicprez., J. Podlipský sekr., J. Kalina
prot., A. Pařík rev., f-ino F. Rybková kas., E. Pavel archiv. Kursoj
por komencantoj kaj progresintoj kondukataj de s-o Rohan, daŭras
regule ĉiun ĵaŭdon vespere en la „Nacia Domo“. — Esp. Klubo
en **Král. Vinohrady** elektis kiel prezidanton s-on Jan Hradil, s-ojn
A. Albrecht (vicprez.), Rud. Brotan (sekr.), Rud. Saxl (rev.), f-inon
A. Bernardová (kas.), f-inon A. Wenzelova (bibl.). B. Brožek
(archiv.). J. Bezděk (protokolisto). — **„Stelo de Espero“ en Praha**
aranĝis la 26. II. en Nusle (Národní dům) sukcesan vesperamuzon,
kiun partoprenis preskaŭ 300 personoj. Ĉe tiu okazo la unuan
fojon oni aplaŭdis la kantistan grupon de B. U. E. por la majstre
prezentita himno „La Espero“. Pri Esperanto el vidpunkto nacia
parolis s-o Alexander Zahel. S-o Gothard akompanata de sia
edzino kantis „Al la fratoj“. Ankaŭ la ceteraj numeroj de la pro-
gramo estis taŭge elektitaj kaj tiel helpis garantii sukceson de tiu

ĉi propaganda festo. Intereso pri Esperanto estis vekita kaj nova kurso estas jam anoncita. — La amika vespero anoncita de Esp. Klubo en **Praha VIII.** havis tre bonan rezultaton. Multnombra vizito de samideanoj el la ceteraj kluboj kaj de publiko interesiĝanta pri Esperanto alportis al la komitato vortojn de laŭdo. — Esp. Klubo en **Žižkov** elektis la 6. II la sekvantan komitaton: s-on Ing. Jar. Sitko prez., s-ojn Al Křovák vicprez., Jar. Kopecký sekr., Jiří Havelka kas., f-inon M. Balejová bibl., f-inon J. Šípková arĥiv. kaj s-on Fr. Winter. Unuanime estis aprobitaj la raportoj de la komitato: la pasintan jaron finiĝis sukcese du kursoj elementaj kaj unu supera. La regulaj kunvenoj okazas ĉiun vendredon. La ĝen. kunveno decidis subteni kun la sama fervoro kiel antaŭe la boheman centron B. U. E. — Sur fortan bazon metis nian aferon en **Železný Brod** la ĝenerala kunveno okazinta la 1. III., kiu anoncas la sekvantan komitaton: s-o F. J. Brož prez., J. Fišer vicprez., J. Pavelka sekr., J. Vodička kas., J. Brabec bibl., B. Mrklas rev., M. Sic rev., f-ino B. Daníčková arĥiv. S-o Mrklas, la ĝisnuna prezidanto, gvidis kun sincera amo la preparajn laborojn, kiuj alportis tiel belan frukton. — S-o K. Macháček, prez. de Esp. Klubo en **Vieno** anoncas al ni, ke li malfermis la 11. II. novan kurson en la klubejo. La klubo projektas en sia sidejo ekspozicion kaj esperas, ke la amikaj societo ĝin helpos per pruntesendotaj elmontrajoj. — Esp Klubo en **Český Brod** aranĝis je okazo de finita kurso programvesperon je 12. II., kiun vizitis samideanoj el Praha. — Novan propagandan rondeton fondis membroj de klubo esp. en **Trutnov**: oni vizitas are la restoraciojn aŭ hotelojn, kie, parolante inter si esperante, oni altiras atenton de ceteraj gastoj. Tiu ĉi plenumado de propono de s-o Pekárek, sekr. de Klubo, alportas kontentigan rezultaton. — El ĉirkaŭajo de M. Ostrava kunvenadas la samideanoj en klubo fondita por ekzercado de membroj pri nia lingvo, enigmoj kaj ŝakludo. Ankaŭ kurso pri Esperanto estis malfermita la 13. III. en lernejo de **Vitkovice.** Samloke okazas kurso supera. — En **Buřany** instruas pri Esperanto s-o F. Vaníček. — En **Ivanovice** fondiĝis rondeto esp. la 23. de januaro. — En **Horní Lhota** apud Pačov instruas private kun bonaj rezultatoj s-o K. Stořek de komenco de tiu ĉi jaro la lernantojn. — En **Radlice** parolis pri Esp. 27. II. s-o J. Šídlo. Viva intereso garantias baldaŭan fondon de klubo. — Ĉiun ĵaŭdon instruas pri Esperanto s-o K. Procházka el Praha en **Hlubočepy.**

En Sarajevo, ĉefurbo de Bosnio, fondiĝis la unua esperantista grupo „**La Stelo Bosnia**", asocio de bosnia-hercegovina esperantistaro. La fondan kunvenon ĉeestis el 120 membroj 83, sekve viva intereso pri la klubo estis garantiita. La movado estis iniciata per diligenta laboro, kiun partoprenis ankaŭ tri Bohemoj, s-roj: Jar. Schwarz, fervoja adjunkto, Fr. Křička, fervoja ĉefkomisaro kaj Jos. Eiselt gimnazia direktoro. La lasta, kiu faris la pasintan jaron kun tre bona sukceso la ekzamenon pri Esperanto antaŭ la komisio de B. U. E., estis elektita prezidanto. En la komitato estas ankoraŭ s-roj: Mustafa, eff. Mujagič, oficisto, Nikola Bubalo, landa asistento kaj Mustajbeg Alejbegovič, redaktoro de „Muslimanska Sloga". La sarajevaj gazetoj simpatie anoncas artikolojn pri Esperanto. Por veki intereson pri Esperanto preparas la klubo ekspozicion; la komitato danke akceptos la elmontrotajn esperantajojn.

**KORESPONDANTOJ.** La adresoj estas represataj **senpage.** *Ni petas ĉiujn redakciojn,* ke ili atentigu pri tio en siaj revuoj. Oni sendu

sian adreson legeble skribitan sur ilustrita poŝtkarto kaj aldonu, pri kio oni deziras korespondi! — Fremdlandaj instru-istoj de Esperanto! Se vi volas trovi por Viaj lernantoj bohemajn korespondantojn, uzu tiun okazon! Ni atentigas, ke tiu ĉi revuo estas legata precipe de Bohemoj; tial fremdaj sam-ideanoj facile trovos korespondantojn, se ili sendis sian adreson al nia redakcio; kontraŭe ĉar nemulte da ekzempleroj estas abon-ataj eksterlande. la adresoj de niaj bohemaj samideanoj ne alportos al ili kontentigan nombron da fremdlandaj korespondantoj! Se vi. Bohemoj. serĉas kor. en Granda Britujo. turiĝu al red. de British Esperantist. se en Rusujo — al Ruslanda Esperantisto k. t. p. Por ŝpari lokon, ni enmetos adreson de Bohemo nur se li estas abonanto de Ĉ. Ĉ. E.

Rim.: *9. S-o R. Deleener, *Louvain*, Muntstr. 12. Belgujo (ne plu dez. kor. kun Aŭstriaj Esp.).

*30. F-ino Victoria Benezra. prez. de virina esp. klubo en *Aïdin*. Azia Turkujo (int. maluovajn p. m.). — *31. S-o Raul Roussel, prezid. de Esp. Grupo en *Meaux*, 30. rue St. Etienne (S. & M.). France (il. k.). — *32. S-o Rud. Sprotte, Charlottenburg ap. Berlin, 24 Bismarckstr. (kor. kun boh. Esp. pri stenografio: aŭtoro de sistemo Aoro-stenografio esperanta). — *33. S-o Fr. Babroŝ. ĉe s-o Fr. Veigl. Wien III. 1 Hauptstr. 48. (il. k.). — *34 S-o prof. O. Zamora Fregoso, *Tuxpan*, Trepic, Mexiko. — *35. E. Grupo en Châteauroux (Indre) France (dez. kor. per. il. k.). Sin turni al S-o Baronnet, instituteur à Levraux (Indre) France. — *36. S-o K. Hollegeha. i. kaj r. ĉefleŭtenanto 91. reg. inf. *Č. Budějovice*. kazerno Maria. Bohemujo (p. m., tuj resp.). — *37. S-o Sungtig en *Lungchow*. China. Via Tonkin (let. p. k., p. m.). *38. S-o Bohumil Johanis. Wien XV. Herklotzg. 24. I. 29. (il. k.. p. m., tuj resp. glun markon bildflanke). — *39. S-o Nikolaj Bas-kakov, 1. gimnazio. *Kostroma*. Ruslando (dez. ricevi il. k. el Praha). — *40. F-ino Rosita Salabert, San-,Pau 109 Farn. *Barcel-lona*. Hispanujo (il. k.) — *41. 42. S-oj Boh. Hendrych kaj Fr. Fiŝar kand. de pedagogio en *Polička*. Bohemujo (il. k., p m., let., ĉiam resp.). — *43. S-o Aug. Sedlický, instruisto en *Turnov*, Bo-hemujo (il. k., let., tuj resp.). — *44. S-o Zoltán Urban, teknik-isto, *Ujpest*. Attila utca 78. Hungarujo (il. k. let.) — *45 F-ino J. Marie Bernard. *Angers*. Francujo, 1. rue St. Martin (il. k. kun bildoj de preĝejoj). — *46. S-o Lotsak Kwan. *Lungchow*. China let. p. k.). — *47. S-o Ed. Sladkowski. *Meran*, villa Ekkehard, 5. Speckbacherstr.. Aŭstrio (il. k.. naciaj markoj. — *48. F-ino Ermita Puebla, *Santiago*. S. Domingo 3315, Ameriko (il. k., tuj resp.). — *49 S-o E. Urban. tabloservisto, Praha. Esperanto-Kafejo „Union", Ferd. tř. 29. (dez. kor kun perfektaj geesp. per il. k. kaj let.; tuj resp.). — *50. S-o Jan Vojáček, kelnero, *Uherské Hradiště* Moravio (il. k., let.. tuj resp.). — *51. S-o J. Babulle, domo Debernard. *Limoges*. rue Georges-Bouin, Francujo (dez. kor. kun Bohemoj: baldaŭ resp.). — *52. S-o Joža Kleisner, *Chrudim* III. Husova tř. 39. Bohemujo (il. k., let., kun Esp. fremdl.; interŝ. p. m.. il k. esp. 4. — *53. S-o Heliodoro H. José de Souza, *Vagrem S. Vicente*, Madeira. West-Africa (p. m., il. k.). — *54. S-o Ot. Moravec, *Kutná Hora*, Jungmannova tř. 437. Bohemujo. — *55. Junaj geedzoj dez. korespondadi pri familiaj kutimoj kaj vivo kun eksteraŭstriaj geedzoj. Adreson sciigos: Esperantista Klubo en *Žižkov*, Karlova 67, Bohemujo.

---

**Eldonanto: Ed. Kühnl. — Presejo de Národní tiskárna a nakl. JUDr. Edvard Jan Baštýř a spol. Praha.**